## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; Konto P.S.: B 134611 |
| Belga: | H. Rainson, Lange Penninkstr. 17, Mecheln. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | A. Valoušek, učitel, Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | F. Vérot, rue des Villas, St.-Étienne (Loire). |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |

En landoj:

| | |
|---|---|
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7, Budapest, IX. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Stanko Pranoviĉ, Novosadska 9/III, Beograd. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | Agento serĉata. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol., Duonjara provabono 1/2 dol., Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj kompreneble akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57.

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 3
Majo-Junio 1932

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.




## Voĉoj de l' homaro.

### Rezolucio je senarmigo.

La franca asocio geinstruistara adresis al Ĝenevo jenan rezolucion:

La Sindikato Nacia de geinstruistaro en Francujo kaj la kolonioj, unuiganta 80 000 anojn, defendas neinterrompite la ideon de la sekuro per arbitracio kaj senarmigo. La senarmigon, kombinatan kun la kortumo arbitracia kaj kun organizado internacia de produktado, de konsumado kaj interŝanĝo, la S. N. konsideras protekto certa kontraŭ la milita danĝero.

La S. N. revokas, ke senarmigo estas promesita al la popoloj multfoje en formo plej nepra kaj solena, speciale per la paragrafo 8 de la kontrakto pri la Ligo de Nacioj kaj per la kontrakto Kellogg-a.

La S. N. insiste postulas, ke

Estu farata en 1932 decida paŝo al la egalo inter venkintaj popoloj kaj venkitaj.

Etendiĝu la malpliigo de l' armiloj ĉiajn specojn de l' armigo: nombron de la militistoj dum paca stato, daŭron de pormilita servado, mobilizeblajn rezervarmeojn, ĉiajn elspezojn por militecaj celoj, militŝiparon, fortikaĵojn, armilojn kaj municion por armeo kaj ŝiparo.

Estu malpermesata ĉia militilaro kemia kaj bakteria.

Estu forigataj la naciaj aviad-armeoj, kontrolataj la konstruado de civilaj aviadiloj kaj interŝtatigataj la linioj de aeroplanoj.

Estu aranĝata subtilega kontrolo interŝtata pri la elspezoj, armigado kaj fabrikado jemilitaj.

Estu instalata daŭra organizo internacia, kiu fiksu la progresojn iom-post-iomajn de senarmigo kaj observadu ĝin ĝis la finfino.

Laŭ „L'Ecole Liberatrice" de 2. 4. 1932 trad. K. R.

# Homoj de l' homaro.

## Goethe.

D-ro Fritz Kraner, Dresden.

Goethe neniel apartenis al la gildo de la profesiaj pedagogoj. Li nek skribis eĉ unu pure pedagogian verkon, nek iam ajn instruis aŭ edukis en lernejo, nek iniciatis novan gravecan pedagogian eksperimenton. Malgraŭ tio lia senfina influo al la spirita homaro estis — kaj estas ankoraŭ nun — grandskale ankaŭ pedagogia.

Unue ni ne forgesu, ke ĉiu verkisto, precipe ĉiu eminenta poeto, vole nevole fariĝas edukanto de sia legantaro: des pli certe la plej universala poezia genio depost la antikva tempo. Sed ankaŭ teorie li forte devis influi la pedagogion. Li dissemis en multaj el siaj verkoj, precipe en siaj dramoj, epikaj kaj sentencaj poemoj, abundon da principaj pensoj taŭgaj por la konstruo de pli ol unu nova pedagogia sistemo. Kaj antaŭ ĉio, lia nomo estas efektiva pedagogia programo pro la fortaj pedagogiaj impulsoj, elirantaj el la studo de lia personeco kaj de la maksimoj de lia vivado kaj produktado.

Ni ekzamenu iomete de pli proksime la faktojn apartenantajn al tio!

Goethe reprezentas la modelon de plej harmonie evoluinta homo. Lia unika genio loĝis en mirige bonproporcia, bela kaj sana korpo. Kiel junulo li similis al Apolo, kiel maljunulo al Jupitero. Kaj li nepre konsciis, ke al tiu neriproĉebla korpo li ŝuldas sian plej valoran posedon: plej altan vivosenton, mirindan freŝon de l' intuicio kaj percepto, feliĉigan kreĝojon, enviindajn ĝuemon kaj ĝukapablon ĝis plej granda aĝo. Neniam li opiniis la korpon io malpli-valora, pri kio oni rajtas malzorgi. Dum la junulaj kaj viraj jaroj li fervore dancis, rajdis, naĝis, glitkuris, kaj ĝis sia maljunaĝo li estis pasia migranto, „kantante, kiel supre la alaŭdo, renkonte al la pluvonuboj kaj hajlventego." Se la nuntempa pedagogio predikas, ke ankaŭ la korpo havu sian plenan naturan rajton, ke inter korpo kaj spirito ne estu daŭra batalo, sed bela harmonio, ebliganta al ambaŭ liberan evoluon al tutaĵo de l' homo: Goethe modelvivis ĉi tiun pedagogion kun la memkomplej granda perfekteco, ke pro tio la edukado ĉiam celu al la korpa-spirita preneebleco de l' genio, eĉ vizaĝe de pli ol unu plej fama moralisto puritana kaj hipokrita.

La integropsikologia bazo de la nuntempa pedagogio postulas, ke la edukanto prijuĝu kaj pritraktu ankaŭ la psikon de l' edukendo ĉiam laŭ ĝia tuto. Neniam li forgesu, ke ĉiu psika energio — spirita, senta, vola — fine elkreskas el la plej profunda profundeco de la animo. Neniam li prenu la unu — eble la spiriton — kiel pli valoran kaj pli urĝe kulturendan ol la aliaj. Ĉiam li aljuĝu al ĉiu el ili la plenan rajton, esti, evolui, efiki. Ju pli forte kaj egalproporcie ili ĉiuj sin manifestas, des pli laŭcela, sana, perfekta li trovu la

---

*Homo ne estas naskita, por solvi la problemojn de l' mondo, sed certe por serĉadi, kie problemo komencas, por ke tiam li restu ene de l' limoj de kompreneblaĵo.*

*Goethe al Eckermann, 1825.*

psikan staton. Se iu el ili restis malantaŭe en la evoluado, li provu forigi la kaŭzojn de tio kaj ĉiamaniere plivigligi ĝian funkciadon. Ankaŭ en ĉi tiuj rilatoj la ekzemplo de Goethe peras al la pedagogoj la plej perfektan modelon de tio, kio fakte eblas. Ne estas imagebla pli ĝojiga disvolvo de ĉio psika ol ĉe li. Lia pensado montras tiun plej altan gradon de klareco kaj konkreteco, kiu karakterizas la geniulon; lia sento oftege estas sublima entuziasmo, profunda sopiro, dolorega rezigno; lia volo, ĉiam streĉe preta al plenforta ago, pasie aspiras la allogan celon, subite batfendas, se necese, la tedajn nodojn de cirkonstancoj ne plu tolereblaj. Nun la unu fenomeno ŝajnas regi tute sola, nun la alia; nun ĉiuj fortoj sovaĝe interbatalas, nun sin tenas en la bela ekvilibro, faranta la saĝulon. Admire la pedagogo observas ĉi tiujn potencajn psikajn energiojn kaj ilian ludon ofte ŝanĝiĝantan. Tia, li diras, estas la bildo de psike tute sana homo; ni gardu nin, ke ni, instruante kaj edukante, ne peku kontraŭ ĝi.

Kia estis la p e n s m a n i e r o de l' Olimpano? Ĉu idealisma, ĉu realisma? Ĉu analiza, ĉu sinteza? Ĉu naiva, ĉu sentimentala? Ankaŭ tiurilate li prezentas la plenvaloran homon, kiu vere estas kaj la unu kaj la alia, kapabla kompreni la mondon per ĉiu el tiuj ekkonaj kaj klarigaj metodoj laŭ la kvalito de la objektoj, cirkonstancoj, psikaj situacioj respektivaj. La dia fantazio de l' poeto ofte rompas ĉiujn katenojn de l' ekzamenanta, provanta, pruvanta intelekto, por libere regi kaj formi en pli bona, pli bela etera mondo. Tamen kion li kreas, ĉiam restas korpe intua kaj plisuperasence reala. Ofte la naturscienculo, la verkisto de la kolorologio, la eltrovinto de la metamorfozo de la plantoj kaj tiu de la homa intermakzela osto, eksperimentas, konkludas, konstatas kun la tuta singardema, timema, konscienca ekzakteco de l' esploranto, staranta per ambaŭ piedoj sur ĉi tiu reala tero. Sed tiaj laboroj ĉe li preskaŭ ĉiam kaŭziĝas el analizo de naturfilozofiaj pensoj kaj ree naskas sintezojn multforme idealismajn kaj arte ilustratajn en poeziaj verkoj. Sammaniere lia percepto kaj produktado nun estas klasike naiva, nun romantike sentimentala, nun samtempe la unu kaj la alia. Ĉu la pedagogoj povas trovi pli instruan ekzemplon de homo tia, kian ili devas ĝin deziri?

Ne estas mirige, ke ankaŭ lia e t i k a k a j r e l i g i a e s e n c o permesas, alpreni la plej altajn mezurilojn.

Se la k e r n o d e l a e t i k e c o e s t a s l a v e r e c o, neniu alia poeto ekkonis ĝian esencon tiom klare kaj komprenigis ĝin tiom konvinke, kiel la verkisto de la Ifigenio. Apenaŭ estas imageble, ke povas pentri tian emocian bildon de la vereco aliulo ol kies tuta animo estas impregnita de plej alta etikeco. Oni tralumigis la vivon de Goethe ĝis la laŝtaj anguloj, sed eĉ liaj plej malbonvolaj kontraŭuloj ne sukcesis pruvi, ke iam ajn li malevidentigis la profunde etikan sintenadon de sia karaktero. Certe, li ne estis sanktulo, kaj vizaĝe de la absoluta bono ankaŭ li estis submetita al la homa, tro homa malperfekteco, ankaŭ li pekis. Sed la kaŭzo, kial li malsuperis, kaj la maniero, kiel li pagis la kulpon, certigas al li la pardonon eĉ de l' severa moralisto. Ni rememoru pri la tiel nomata idilio de Sesenheim, kiu vere ja estis tragedio! Kiu el ni mezuloj kapablas, taksi la potencon de la torento de feliĉigaj sentoj kaj sopiroj, kiuj ebriigis la heroon de tiu dramo kaj lin faligis? Kaj ni ne forgesu, ke dum sia tuta vivo li restis dolorege emociita per la rememoro de tiu kulpa travivaĵo, kaj ke la pentofaro, per kiu li aspiris elaĉeti sin kaj reakiri la pacon de sia animo, konsistis en tio, ke li igis senmorteca

la malfidele forlasitinon per la grandioza monumento al ŝi establita en la plej potenca tragedio de la mondliteraturo. La pedagogo, serĉanta vojojn tra la labirinto de l' homa koro, ĝuste en la historio de tiu falo kaj releviĝo trovos plej gravajn direktivojn. Pekinta etika heroo, al kiu la konscio de lia kulpo fariĝas puriga flamo, estas pli bona etika paradigmo ol pura anĝelo, ne povanta peki.

Kaj la religia Goethe? Ĉu verasence oni povas paroli pri tia? Ĉu simple li ne estis liberpensulo, senreligiulo, kontraŭreligiulo? Esti la unua, ne sekvigas, ke oni estas ankaŭ la dua aŭ eĉ la tria. Goethe reprezentas unu el la plej bonaj ekzemploj de liberpensula religieco kaj prireligia toleremo. La mallarĝaj dogmoj de la eklezioj posedis nenian devigan potencon je lia granda, vasta animo. Tamen li tute komprenis ilian historian kaj edukan gravecon, admiris ilian multspecan reliefan esprimiĝon en la simboloj de la ritoj kaj en la pensoriĉaj kaj sentoplenaj rakontoj de la mitologioj. Kaj li estis malproksima de ĉia facilanima moko pri vera fida pieco, malgraŭ kelka akra vorto kontraŭ superprudentaj teologoj kaj zelotaj bigotuloj. Kiel natur-scienculo kaj poezia geniulo, pli profunde penetrinta en la misterojn de la naturo kaj homaj spirito kaj koro ol la plejmulto de liaj samtempuloj, li respektegis la misteron kaj la multspecajn formulojn provantaj ĝian solvon. Ĉu ne ankaŭ niaj modernaj ĉiosciaj sen- kaj kontraŭreligiuloj ankoraŭ povas lerni de li iomete?

---

# El la praktiko por la praktiko.

De Walther Hahn, Gohlis-Dresden.

La infana memorkapablo estas ĝenerale tre bona. La geknaboj ŝatas ekzercadi ĝin, ili deziras lerni parkere. De tempo al tempo mi verkas por miaj gelernantoj poemojn, kiujn ili volonte deklamas. Tiumaniere la vorto-trezoro de la infanoj pligrandiĝas senpene. Jen tia poemo, kiu ankaŭ celas varbi en ŝerca maniero por Esperanto.

**Mondlingvo de la bestoj kaj de la homoj.**

La bestoj! Ĉu paroli ili povas?
Respondon tre facile oni trovas.
Ĉar vi rimarkos, observante lerte,
ke bestoj havas sian lingvon certe.
En unu punkto ili nin superas:
Por bestoj lingvaj limoj ne aperas!
Azen' malsaĝa en Valencia
aŭ en Hindujo diras nur I A.
Prudenta hund' en Dresden kaj Bordeaux
samlingve ĉiam bojas nur vaŭ-vaŭ.
La koko krias, vokas la kukolo
en ĉiu lando laŭ la sama skolo.

Ho, jen ni homoj estas kompatindaj!
Ĉar tuj post kiam estas ni venintaj

en fremdan landon, por restadi tie,
neniu nin komprenas kaj nenie!
Tre multajn pensojn ni eldiri volas,
sed alilingve ni ja ne parolas.
La flugmaŝino vin transportas for
en fremdan landon eĉ dum unu hor'.
Loĝadas tie multaj bonaj homoj — — —
kun nekonataj lingvaj idiomoj.
El urboj malproksimaj per radio
vi bone aŭdas de la fremdnacio,
sed ne komprenas vi pri la afero:
tro multaj lingvoj estas sur la tero.

Ĉu tiu stato en la mond' daŭradu?
de l' kuracist' rimedon vi prenadu!
Ĝi helpos vin al plena libereco
kaj savos vin el lingva tiraneco.
Aŭskultu do: Sur ĉiu kontinento
en oriento kaj en okcidento
jam multaj miloj u n u lingvon konas,
ĝin lernu vigle, mi al vi proponas.
Lernejajn klasojn oni ĉie fondas,
infanoj, miloj, skribe korespondas,
rapide kaj facile nun progresas,
trans limojn, trans la maron jam konfesas,
ke alta celo estas amikeco
kaj nur la paco vera humaneco.

Kaj mi nun petas ĉiun aŭskultanton:
Rapide lernu nian E s p e r a n t o n !

---

## Kie estas nun la franca laika skolo?*)

De H. Bourguignon, Saint-Maximin (Var), Francio.

Estis tempo ankoraŭ ne tro malproksima, kiam la laika sindefendo formis unu el niaj plej zorgemaj pensoj; ĉar multego da malamikoj „neakordigeblaj" (almenaŭ ni kredis tion tiumomente), ĵuris ĝian pereon.

Eĉ nun, tiaj danĝeraj malamikoj, ĉiam multnombraj, formas fortegajn organizojn en iuj francaj provincoj, ĉefe en Alzaco-Lotaringo kaj en okcidenta, sud-okcidenta partoj de nia lando. Ĝenerale gvidas ilin . . . iu militema episkopo, kaj lia pastraro: ili estas la atak-trupoj. Sur dua fronto ili estas subtenataj de S-ro grafo, S-ino dukino aŭ ia ajn fama bankiero aŭ „bonpensanta" industri-ĉefo.

En la salonoj kaj sakristioj, tiu orumita popoleto paroladaĉas; kun multaj indignitaj gestoj ili komplotas kontraŭ la laikan lernejon; por la privata

*) Vidu IPR 1931, 101—105.

(legu la katolika) ili laŭte reklamas. Niaj malamikoj opinias sin fortaj pro la prestiĝo de la titoloj, pro la aŭtoritato allasata de Mono.

Lastatempaj agadoj de niaj asocioj kaj de la gazetaro plej lumigis ĉiujn tiujn naŭzajn procedojn uzitajn, (kaj ankoraŭ nun uzatajn) por plenigi la privatan lernejon kaj zorgi, ke la „laika" estu seninfana: premo de la episkopoj en iliaj episkopaj leteroj, premo de la pastroj en la preĝejo, premo de l' kampulaj aristokratoj, forigantaj el siaj bienoj la luantojn, kiuj aŭdacas posedi proprajn opiniojn, kaj kies infanoj iras ĉe sen-dia lernejo . . . Tiaj „pinglo-pikoj" iom post iom igas la vivon ne eltenebla por niaj geinstruistoj; ofte okazas veraj persekutoj.

Por tion atingi niaj malamikoj uzis kaj eluzis venenigitan armilon: kalumnion. Ili akceptis kiel regulon ke la instruistoj estas ignorantoj, malaltĝuemaj sinjoraĉoj; ke la instruistinoj estas malbon-moraj viriñoj . . . Kaj la infanoj — ili estas etaj malfeliĉuloj, submetataj al ĉiaj malicaj provoj, al ĉiuj perdiĝoj.

Tion ili ripetis, ripetadis, kriegis ĉie. Estus edife por niaj legantoj, se ili povus ĝui la lirikajn ĉef-verkojn de tiuj kalumnioj versigataj. Tralego de presaĵoj kiel „Almanako de l' Malgrandaj Amikoj de l' Infano-Jesuo" estas plej sugestiga tiurilate. El malgranda folio, publikigita en departemento „Côtes-du Nord", ni nur eligu la jenajn „perlojn":

D. — Kiaj estas la kvar laikaj operacioj?

R. — La kvar laikaj operacioj estas: kraĉi al la standardo, pied-premi la krucifikson, insulti sian pastron kaj diri al sia paĉjo la vorton de ĝeneralo Cambronne.

D. — Kial vi estas laika?

R. — Ĉar estas la plej facila el ĉiuj religioj, tiu, kiu kostas malplej kaj profitigas pleje.

(Laŭ „Malgranda laika Katekismo".)

Tia sinteno estas tute normala, se ni konsideras bone nian unuan artikolon. La Edukad-reformo de 1881 estis grava okazintaĵo, kaj Eklezio zorgis per ĉiaj rimedoj, ke tiu laika instruad-organizo estu prezentata kiel provo „malkristanigi" Francion, kiel atakon kontraŭ la religio. Ĝis lastaj tempoj, la eklezio Jules Ferry-on konsideris pasia malamiko de religiaj penso kaj agado — kvazaŭ demonulo.

Intence mi diris: „. . . ĝis lastaj tempoj . . ." Ĉar la realo estas alia; la franca laika skolo estas fakto preskaŭ unika, kiu devus esti preciziĝita, studata, klarigata multe pli longe ol ni povos fari en tiu artikolo komprenebIe malampleksa.

Vero estas, ke la laika skolo tute ne estas direktata kontraŭ la religio. La oficialaj dokumentoj kaj la verkoj de la fondintoj de l' laika skolo elmontras, ke tiuj ĉi celis nur unu neŭtralecon: la interreligia neŭtraleco. Ni ĉerpu el la verkoj de Ferdinand Buisson kaj el la leĝoj argumentojn sufiĉe konvinkigajn, kvankam koncizajn:

„La Laika skolo, — skribis la unua —, propagandas nek por, nek kontraŭ religia kredo." Ĉu el tio oni konkludu, ke ekzemple la ateismo estos respektata tiel, kiel kredo je Dio? Tute ne, la oficialaj instrukcioj de 1887 kaj 1923 estas tre klaraj pri tiu punkto. Kaj por forigi ĉian dubon, Ferdinand Buisson skribis en 1888, en sia »Traktato de Pedagogio«, ke „oni malpravis dirante, ke la skolo estas de nun skolo de ateismo."

Do kia diferenco estas inter tiu laika skolo tiel konceptita, kaj la skol-organizoj ekzistantaj en iuj landoj sub formo de interreligia skolo? La laika estas skolo sen dio — sed ni ne forgesu la multajn zorgojn de la tiamaj leĝo-donantoj, por ke la religia instruado neniel estu ĝenata; ni ne forgesu kia neŭtraleco religia, filozofia kaj sociala estas postulata de la eduk-isto; kaj ankaŭ la celon de la libertempa ĵaŭdo, tute speciale por Francio; ne forgesu ankaŭ la permeson donatan al infanoj, ne ĉeesti la kursojn por „prepari sian komunion". Ĉu oni ankaŭ forgesas, ke la leĝo en-tenas tiujn tre sugestigajn vortojn:

„La morala kaj laika instruado distingiĝas de la religia in-struado, ne kontraŭdirante ĝin... La instruisto anstataŭas nek la pastron, nek la familiestron, li unuigas siajn klopodojn kun iliaj, por fari honestulon el ĉiu infano."

Oni notu, ke en 1880, la ŝtato neniel povis fidi la Eklezion, kiu nur mal-frue aliĝis la Respublikon kaj longatempe subtenis la monarkiajn registarformojn. Ni ne forgesu ankaŭ, ke, se la burĝaro franca atakis la religian skolon, tion ĝi faris, ĉar estis neceso por ĝia klaso.

Kaj nun? Nun, la Eklezio komprenis (aŭ ŝajnas kompreni) siajn erarojn; ne nur ĝi aliĝis la Respublikon (ĉiam por la bono de sia afero), sed ĝi skan-dale rompis kun la rojalista partio. Oni do komprenas, ke ĝi bone interrilatu kun registaro, kiu volas transdoni al ĝi gravajn taskojn. Kaj antaŭ kelka tempo oni povis legi kun ia miro en „La Semaine Catholique de Fribourg" (Katolika Semajna Gazeto de Fribourg), tiujn liniojn, ne bezonatajn komen-tarion:

„La oficiala kaj senpaga skolo estas en Francio konsiderata kiel neŭtrala. Ĉu tia ĝi estas vere? Necesas forlasi ĉian afekcion en la juĝo, kaj laŭ la saĝo mem de l' ĉef-episkopo Pariz'a necesas konstati, ke tiam la skolo respektas la religion, kaj, agnoskante ties instruadon, sen tamen ĝin kunigi kun sia propra, puŝas tiel la spiritojn al tiu formiĝo, pri kiu ŝimple ĝi ne zorgas; iam, ĝi estas klare kontraŭa . . ."

Estas do vere klare: la Eklezio sin estigas kiel ĉampionon de la skolo-neŭtraleco, tiu oficiala dogmo de la burĝaro. La Eklezio akceptas la laikan skolon, kondiĉe ke tiu skolo ne subfosu ĝian potencon. Kaj ni scias, ke la ŝtato zorgis, malpermesi al geinstruistoj ĉian agadon kontraŭreligian. Ferry efektive diris ĉe la Senato, dum Marto 1882, pri tiu agado, ke „se iu instruisto iam agus tiel, li estus tiel severe kaj tiel rapide punata, kiel se li estus farinta tian alian malbon-agon — bati siajn lernantojn aŭ trakti ilies personon laŭ kulpo-plena maniero."

Kaj spite ĉio ni certigas, ke la proleta luktado estas esence kontraŭreligia; se la burĝaro tiel longe amuzis nin kun tia kontraŭ-klerikala ĉiama pensado, se — iam — ĝi atakis la religian skolon, tio estis nur, ĉar en tiu agado ĝi ri-markis nepran neceson por sia klaso.

Ne estas troigate jam de nun antaŭdiri, ke kiam la burĝaro perceptos la kontraŭan bezonon, ĝi sin ĵetos en la brakojn de la pastro — cetere jam de nun ĝi faras tion. Kaj tiam, la protestoj de la laikuloj ne multefikos. Por protekti la laikan skolon, necesas rimarki la veran malamikon, senmaskigi lin kaj fronte lin ataki, tie kie li estas; ni ne estu devojigataj pere de konfuzigaj manovroj.

Kio vere helpos la protekton de la laika ideo, tio

estas la supren-iro de la revolucia forto. Se la burĝaro konscias, ke ĝi estos fine venkata de l' laboristaro, ĝi povos uzi nur du rimedojn: ĉu ankoraŭ montri sin laika, se tiel ĝi opinias servi sian intereson; ĉu forĵeti la maskon kaj starigi la burĝan fronton kun helpo de klerikalismo [1]).

---

# La naskiĝo de l' bildo.

De Erich Zinke,
docento ĉe Pedagogia Instituto de la Teknika Altlernejo en Dresden.

Wolfgang Pfleiderer, la gvidanto de la popola altlernejo en Stuttgart, aperigis en 1930 en la eldonejo de Julius Hoffmann, Stuttgart, la verkon: Die Geburt des Bildes = La naskiĝo de la bildo*). La verko havas la subtitolon: Origino, evoluo kaj arta signifo de infana desegno. Tiu malgranda verko (90 tekstopaĝoj kaj 76 parte koloraj ilustraĵoj) meritas saman atenton kiel „La genio en la infano" de Gustav Hartlaub (vidu IPR, 1932, p. 3). Rimarkinde estas, ke ambaŭ verkoj ne devenas de desegno-instruistoj. Ambaŭfoje la kreaj fortoj de infano estas faritaj bazo por profunda studado. La gvidanto de fama germana popola altlernejo klopodadas je plenkreskuloj, luktadas veki kaj formi homon aktivan, krean, pensantan kaj aŭtonomian. Ne povas esti hazardo, ke li serĉas originon de tiaj fortoj en la infano, kaj ĝin ankaŭ trovas en la infano. Jam el tio klariĝas, ke la aŭtoro diras esencan opinion ne nur al desegno-instruisto, sed al ĉiu homo, kiel ajn li rilatas al infano. Certe li instigos ankaŭ artistojn kaj arto-amikojn, artohistoriistojn kaj krome ĉiun serĉantan rilate al lia sinformado.

Ni tiom ŝatas paroli pri la jarcento de l' infano kaj tamen estas ege malproksimaj de tia epoko. Ĉiam kaj ĉiam denove ni spertas, ke plenkreskulo sen kompreno staras antaŭ produktanta infano, ja ofte ne nur sen kompreno, sed eĉ kiel malamiko. Li ĉagreniĝas pro papero plena de strekaĉoj, pro foruzitaj krajono kaj paŝtelo kaj gratgumo, pro ĝardeneto el sablo kaj folioj, farita sur ŝtuparo ĵus purigita, pro urbo konstruita en la bonorda ĉambro. Profundega estas la abismo inter la mondo de infano kaj la mondo de plenkreskulo. Infano parolas sian lingvon, konstruas sian ĝardenon kaj sian urbon, pentras-desegnas siajn bildojn, faras sian muzikon. Kreskas unue malgrandega, sed propra verko (faraĵo) — kaj se plenkreskulo ne malaprobas ĝin, iufoje ankaŭ pli granda kaj post jaroj kaj evoluoj eble vere granda. Sed neniam la granda verko estus naskiĝinta, se plenaĝulo estus priridinta kaj detruinta la malgrandajn kaj simplajn, la kuriozajn kaj eĉ ridindajn, se li estus mezurinta per siaj leĝoj kaj reguloj la farojn de infanoj. Nia scio ĉiam kaj ĉiam ne sufiĉas, por povi kompreni infanan formadon. Malgraŭ ĉiaj sciencaj progresoj ankaŭ estonte nia scio ofte estas nesufiĉa. Sed tio ne estas tro grava. Multe pli gravas, ke ni estiĝu respondecaj. Tiucele Pfleiderer unue verkis sian libron, kaj due por doni al ni gravajn ekkonojn pri la bonformado infana.

---

[1]) Komparu la artikolon en IPR 1931, pĝ. 101—105.
*) Nova prezo gmk. 10.00 (tole bind.).

La aldonita bildaro, kiun la aŭtoro elektis tre ekzakte el ĉirkaŭ 10 000 desegnaĵoj, evidentiĝas, ke la elekto ne intencas montri superajn rezultojn. La ilustraĵoj estas ekzemploj por infana produktado ĝenerale. Kelkaj superaj rezultoj montrataj ne malutilas la tuton, sed kompletigas ĝin.

Laŭ Pfleiderer la origino de ĉia desegna-pentra bonformado estas la unua neinterpretebla desegna-pentra movado de infano. El sensencaĵo iom post iom apartiĝas senco, el tio elkreskas inklino interpreti kaj kompari, konscie kompreni tion, kion ĝis nun la infano nur intue komprenis, do inklino, reprodukti la jam ekkonitan. La unuaj strekofaroj de infaneto estas la kampo, el kiu elkreskas ĝojo kaj volo, pri-signi (= de-segni) la ekkonitan kaj bildformi ĝin. Por Pfleiderer la unuaj sensencaj linioj signifas — plenrajte li diras tion — l a n a s k i ĝ o n d e b i l d o. Se detruas tion la plenkreskulo, eble li detruas ĉion, se li traktas tion respondece, estas eble, ke estiĝos el malgrandegaj komencaĵoj iufoje io granda.

Krom la teknika origino de infana bonformado la aŭtoro ankaŭ montras la psikan. Nepre ne estas tiel, ke la infano bildas tion, kion la okuloj vidas. Kvankam la vidsento estas la kondiĉo de ĉia formado, tamen ĝi ne estas la plej profunda fonto de produktado infana. Tion partoprenas la tuta homo kun siaj tutaj sentaro kaj volo plej grandmezure. Nur la vivo plena laŭ ĉirkaŭo kaj profundo aŭ pli ekzakte dirate, la unuopa aperaĵo de vivo — la travivaĵo — povas tute kapti la spirit-animan vivon de infano, movi kaj evolui ĝin kaj devigi ĝin al bonformado el interne. La tuta verko baziĝas sur tiu koncepto de travivaĵo, kaj tio sendube donas al ĝi la plej grandan signifon. La plenkreskulo, malproksima de ĉia arta formado, desegnas, kion peras al li la okuloj. Tia perado tute estas malkonforma al la infano. Vi patroj kaj patrinoj, vi pedagogoj, vi artistoj kaj artamikoj okazigu travivaĵojn al infano! Serĉu kun li travivaĵojn en la naturo kaj inter la homoj, formadu kun li travivaĵojn en la luda kaj lerneja ĉambroj, rakontu viajn fabelojn kaj laŭtlegu viajn legaĵojn tiel, ke ĉio tio estiĝu por la infano profundeca travivaĵo. Ni tro ofte ne nur estas malkapablaj, travivadi kun niaj infanoj kaj igi travivaĵo ion al ili, sed ankaŭ ofte ni eĉ detruas iliajn travivaĵojn, kiujn ili gajnis sen ni. Tiukaze plenkreskuloj portas plian grandan respondecon.

Kiu konscias pri tiu respondeco al la infano kaj tiel legas la verkon de Pfleiderer, al tiu ĝi multe povas doni, tiu ankaŭ komprenos kaj jesos la partojn, en kiuj la aŭtoro parolas pri la „arto" de infanoj kaj provas analizi tian produktadon. Pfleiderer tute klare scias, ke li ne povas samrangigi tiun infanan faradon al la produktado de artisto, ĉar tiu „arto" de infanoj diferenciĝas de artista produktado, kiel infano mem de plenkreskulo. Sed rigardante la strangan interplektiĝon de reveco kun realeco, de ligiteco kun libereco en infanaj desegnaĵoj, travivante dum tia infana produktado la staton de streĉego, la senliman sindonon al la verkado, la treegan koncentrigon de ĉiuj animaj fortoj, tiam ni ankaŭ konscias, ke la fakto minimume estas antaŭŝtupo al verkado en arta senco.

Pfleiderer ekkonas en la infana bonformado tri fortojn efikajn:

La v o l o n b i l d i g a n („Bildwillen") aŭ la volon al objekta enhavo,
la r i t m o n, kiu kreas la geston de esprimo,
la f o r m o s e n t o n, kiu efikas ordon, klarecon kaj harmonion.

En ĉiu vera artaĵo vivas ĉiuj tri fortoj kaj reciproke trapenetras sin. Ankaŭ en la infana desegno ili vivas kaj donas al ĝi artan signifon. Klarigi tiun ne-

racian, racie ne kompreneblan fakton al nefakulo, estas malfacila tasko. Pfleiderer tamen riskas ĝin bonrezulte. Sed pli multe ol ĉiaj vortoj konvinkas la bonaj ilustraĵoj de la libro. Nur kelkaj el multaj estu menciataj: cirko, lokomotivo, soldato. Ĉiu, kiu ofte bonformadis kun infanoj, povas kompletigi tiun kolekton da ekzemploj el siaj provizoj. Ĉie li ekkonos la samajn fortojn. Kiu eĉ tiam ne vidas tiajn fortojn en la infano, kiu ankoraŭ opinios tiajn faktojn izolaj kaj raraj aŭ eble nur rezultoj de lerta instruisto, tiu vizitu kun sia dekjarulo la cirkon. Ĉi tie li travivu karakterizajn spacon kaj lumon, kuraĝon kaj streĉegon, petolaĵojn kaj ridojn, movon kaj ĝojon. Poste li kaj la infano prenu krajonon kaj tri aŭ kvar paŝtelojn kaj bonformu la travivaĵon. Supoze, ke la infano ne estas influita aŭ eĉ malhelpita per plenkreskuloj, ke ne estas forprenita de li la emo al bonformado jam dum la epoko de strekaĉado, plenaĝulo ekkonos mirinda la verketon de infano kompare kun siaj propraj fortoj.

Pfleiderer ankaŭ progresigas nian metodon. Lia libro entenas multon da bonaj instigoj por ĉiu pedagogo. Laŭ li la evoluo de la homaj fortoj je bonformigado okazas en tri fazoj: fazoj de bildo n o c i a, de korpo-bildo l i n i a kaj bildo s p a c a. Sur la unua ŝtupo homo uzas bildosignojn por akiritaj nocioj, ekz. por homo, ĉevalo, birdo, arbo, aŭtomobilo ktp. La infano uzas la bildajn signojn pli aŭ malpli lerte, evoluigas ilin pli aŭ malpli alten. Ne estas klarigebla la abstraktigo, necesa por havigi tiujn nociajn bildojn, kaj la rezultaĵo devas nin mirigi. Kapablon al tiu abstraktigo havas ĉiuj infanoj. Ritmo kaj formsento kreas kune kun tiuj nociaj bildoj la bildon en vera senco. Sur la ŝtupo de korpo-bildo linia ne plu sufiĉas la nocia bildo, kiu kvazaŭ flankiras la naturon. La homo klopodas, ekkoni kaj desegne priskribi la kuntenigon de unuopaj formoj kaj movoj, ekz. de homo, besto, planto. Sur la ŝtupo de spaca bildo elkreskas la kompreno por proksimo-malproksimo en spaco kaj pejzaĝo kaj fine por la senfino kaj por la necesaj rimedoj al bonformado. Pfleiderer energie postulas laŭ tiuj ŝtupoj klaran metodecan planon. Homo ĝis la tempo de seksa maturiĝo formadas per bildoj nociaj. Nur post la komenco de korpa-psika revolucio li kapablas, kompreni kaj bildi proprajn kaj fremdajn rilatojn de korpaj formoj. Nur dum la tempo de interna luktado pro principaro homo ekkomprenas dimension profundecan kaj senfinecon. Pro la sana, forta evoluigo de juna homo ni ne intermiksu unu ŝtupon kun la sekvanta. Tia rezulto ĉiam estos malarta, ĉar unu ĝia parto estas nur perata, ne travivita. Ni faras animajn kaj spiritajn malhelpojn, kiuj dum posta evoluo estos danĝeraj. Ne estas plimallongigenda unu ŝtupo pro sekvanta, ĉar tio same danĝeras. Hodiaŭa skolo suferas je du grandaj danĝeroj: la bildigon de spaca profundo oni frutempe altrudas al infanoj. Bildigon linian de korpaj

## Wilhelm Ostwald la 4-an de aprilo 1932 †.

Profesoro Ostwald iam estis konata en Esperantujo pro sia idista varbado por la mondlingva movado. Li estis naskita la 2-an de septembro 1853 en Riga. Depost 1887 li estis profesoro de kemio ĉe la universitato Leipzig-a kaj kreis la fizikan kemion. 1906 forlasinte la katedron, li ricevis 1909 la Nobelan Premion. Geinstruistoj konas precipe lian „kolorologion", kiu influis la teknikon, industrion, arton kaj — instruadon.

formoj oni ne kulturas en la lernejo aŭ intermiksas ĝin kun aliaj ŝtupoj. Tre granda estas la merito de Pfleiderer, ke li klare montras tiujn rilatojn.

Ni jam delonge klopodas, vidi kaj klare prezenti — evoluajn ŝtupojn. Sed ni nur komencas. Ni klare ekkonas la danĝeron, ene de la popola skolo igi la bonformadon spacan mezuro por talento. Estas vere inverse: ne tiu estas talenta, kiu alprenas leĝon kaj regulojn de perspektivo kaj, estante infano, formadas laŭ la senco de plenaĝulo, sed tiu estas talenta, kiu riproĉas leĝon kaj regulon instinkte kiel fremdulojn interne de sia evoluo kaj malgraŭ ĉiaj influoj de ekstere restas fidela al si mem. Antaŭ la seksa maturiĝo ni flegu ĝenerale la bonformadon de nociaj bildoj, poste la formigon de linia korpo-bildo. Oni devas konfesi, ke iufoje infanoj atingas spacan bildon, sed tiaj estas esceptoj.

El la abundo de materio kaj instigoj de Pfleiderer nur malmulte povis esti menciata. La verko meritas grandan disvastiĝon.

---

## Sesa kongreso de Mondligo por nova eduko.*)

29. julio—12. aŭgusto 1932. Nice (Franclando).

Oni enregistrigu sin ĉe la „Groupe Français d'Education Nouvelle". Musée Pédagogique, 41, Rue Gay-Lussac, Paris V-e.

La kongresa laboro celos, studi la demandojn:

1. Kiel la edukado povas respondi al la postuloj, kiujn starigas la rapideco de l' aktuala aliformado socia?
2. Per kio la edukado povas kontribui al progreso socia?

La kongreso laboras kvarmaniere:

1. En konferencoj ĝeneralaj;
2. En konferencoj sekciaj, pritraktantaj jenajn temojn:
   a) ĝenerala kultureco (= pedio) kaj porprofesia informado;
   b) pedagogiaj problemoj en skoloj vilaĝaj, urbaj, superaj, en universitato;
   c) sekvoj de socia evoluo de virinoj por la eduko;
   d) familio kaj eduko;
   e) edukado je libertempo: edukado de pliaĝa junularo, gejunulara movado;
   f) preparo porinstruista;
   g) kunlaborado internacia — dulingveco;
3. Komunikoj pri la progreso de pedagogiaj metodoj en diversaj landoj;
4. Kursoj:
   a) pri psikologio moderna,
   b) pri reformo de instruprogramoj,
   c) pri novaj metodoj (ekz. Decroly, skolo aktiva),
   d) pri artoj en lernejo: poezio, muziko, ritmiko, ĥora recitativo.

*) Vidu IPR, 1929, pĝ. 56, 76, 91, 109, 113, 131 pri la kvina kongreso en Helsingoro.

---

## La tutlanda pedagogia kongreso de Ĉinujo.

De Chang Ching-Chin, Junuanfu, Ĉinujo.

### I. La stato de la kongreso.

De la 15-a ĝis la 23-a de Aprilo 1931 la tutlanda pedagogia kongreso de Ĉinujo kunvenis en Nankino, la ĉefurbo de Ĉinujo. Membroj de la kongreso estas la edukaj estraroj de ĉiuj provincoj kaj

gravaj urboj en Ĉinujo, la estroj de diversaj universitatoj, la kvar reprezentantoj de la fremdaj enloĝantoj, la du reprezentantoj de Mongolio kaj Tibeto, la ministro kaj viceministro de la poreduka ministerio, entute 106 membroj. Laŭ la diversaj gravaj problemoj ili dividiĝas je dek grupoj: 1-a por universitatoj (29 membroj), 2-a por porinstruista preparo (15), 3-a por mezgrada ŝkolo (13), 4-a por infaneduƙado (12), 5-a por popola (gejunuloj kaj plenkreskuloj) instruado (12), 6-a por sociopedagogio (11), 7-a por elementa ŝkolo (7), 8-a por fremdula ŝkolo (10), 9-a por financoj lernejaj, 10-a por ŝkolo en Mongolio kaj Tibeto.

**II. La unua plano pri la skolo por infanoj.**

A. Ĝenerala senco.

a) Celo. — 1. En la tutâ lando mankas la instrua tempo al 40 000 000 infanoj. Ili devu akiri almenaŭ kvar jarojn por instruado.
2. Necesas, plani sufiĉe da sciakirojn de infanoj, kiuj ne povas akiri sian kvarjaran instrutempon.

b) Tempo. — 1. Dum kvin jaroj la porinstruistaj seminarioj tute devu esti fondataj kaj samtempe rapide la urbaj kaj vilaĝaj infanlernejoj.
2. Jaron post jaro la urbaj kaj vilaĝaj infanlernejoj disvastiĝu, ke ili ekzistos post 20 jaroj (de nun) ĉie en la tuta lando.

B) Plano pri havigo de instruistoj kaj lerndevo de infanoj.

a) Estas bezonataj ĉirkaŭ 200 000 urbaj infaninstruistoj — ili devas esti diplomitaj de urbaj mezlernejoj — kaj 1 200 000 vilaĝaj infaninstruistoj. Dum kvin jaroj ĉiuj distriktoj*) de la tuta lando devas fondi entute 1500 porinstruistajn lernejojn vilaĝajn, do ĉiu tia lernejo devas prepari 800 instruistojn.

b) Instruistoj en urba lernejo porinstruista devas esti diplomitaj de porinstruistaj universitatoj aŭ de pedagogia fakultato universitata.

c) Instruistoj en vilaĝaj lernejoj porinstruistaj estas bezonataj 21 000, kiuj devas esti diplomitaj de vilaĝa superlernejo porinstruista. 27 tiaj lernejoj superaj devas esti en ĉiu provinco. De la dua jaro ĝis la kvara ĉiu tia superlernejo mem devas havi 180 instruistojn.

ĉ) Por la vilaĝaj superlernejoj porinstruistaj estas bezonataj 540 instruistoj, diplomitaj de la landa Pedagogia Instituto.

d) Oni fondu sufiĉe frue la landan Pedagogian Instituton kun du fakoj: unu por la urbo kaj la alia por la vilaĝo.

e) La fondiĝo de la distriktaj vilaĝaj lernejoj porinstruistaj okazu en tri periodoj. Ĉiujare de la 3-a ĝis 5-a jaro estu fondata triono; do ĉiujare oni fondu 500 distriktajn lernejojn porinstruistajn.

f) De la sesa jaro oni bezonos ĉiujare 75 000 instruistojn, kiuj povos instrui 3 000 000 infanojn. Ĝis la 18-a jaro la elementaj lernejoj devu disvastiĝi en la tuta lando, kaj ĝis la 20-a la lernejoj kontentige devu esti disvastigitaj.

g) Atentinde estas la jeno:
1. Oni registru la diplomitojn de la porinstruistaj lernejoj en la tuta provinco.
2. La diplomitoj de la porinstruistaj lernejoj devas labori en elementa lernejo du ĝis ok jarojn.
3. Instruado en lernejoj estas malpermesata al homoj, kiuj ne estas diplomitaj de porinstruista lernejo.
4. Kiu sukcesis en fina ekzameno de porinstruista lernejo, rajtas instrui, kiu ne sukcesis, devas viziti dum (plua) dua jaro la distriktan lernejon porinstruistan.

C. Plano pri havigo de skolejoj.

a) Oni uzu la privatajn templojn de la tuta popolo.

*) Ĉinujo estas — depost la 1928-a jaro — dividita en ses provincoj, kiuj entute havas 1915 distriktojn. — La redakt.

b) Oni uzu specialajn konstruejojn.
c) Oni uzu ĉiujn templojn en ĉiu regiono.
ĉ) Oni luadu domegojn de riĉuloj ĉiuloke.
d) Diversaj registaroj konstruu lerndomojn.

### III. Plano pri skolo por pliaĝaj personoj.

A. Ĝenerala senco.

a) Celo. — Oni ebligu al tutlanda junularo kaj plenaĝuloj, akiri la instruadon, kiu al ili mankas. Lernobjektoj estu: vortkonado (skribo kaj legado), civitana moralo kaj profesia scio. Devas esti efektivigitaj la gravaj laboroj de vortkonado kaj de cvitana moralo post ses jaroj.

b) Reguloj. — 1. Vortkonado kaj civitana moralo devas bezoni nur kiel eble plej malmulte da tempo. Kiuj konas la vortojn kaj kapablas legi la libron, tiu devu precipe scii kiel oni uzadas la „Tri grandajn principojn de l' nacio".
2. Instruadon pri kono de vortosignoj kaj pri civitana moralo oni realigadu unue en la urboj, kaj iom post iom en la malriĉa regiono.
3. Homoj de dekses ĝis sesdek jaroj estu instruataj pri la kono de vortosignoj kaj civitana moralo.
4. Homoj, kiuj konas la vortosignojn, devas instrui la homojn, kiuj ne konas ilin.

B. Plano pri la homoj, kiuj perdis siajn lernadajn ĝustatempojn, kaj pri instruistokvalifikigo.

a) En familio, butiko, magazeno homoj, kiuj ne konas la vortosignojn, devas esti instruataj de homoj, kiuj konas tiujn. Oni fondu specialajn ejojn por la instruado pri la vortosignoj. Centra oficejo esploru la rezultojn. Lernada periodo estu du monatoj.

b) Kie (ekz. en kazerno, fabriko, malliberejo, en ĉiuj oficejoj) troviĝas iuj, kiuj ne konas la vortosignojn, organiziĝu vortkonanta grupo, kies instruistoj povas esti lernantoj de la distrikta elementa lernejo, distrikta porinstruista lernejo, provinca porinstruista lernejo, superlernejo, militoficira kaj ĉiaj mezgradaj lernejoj, ankaŭ 'a lernantoj de l' porinstruista seminario. Lernada periodo daŭras almenaŭ tri semajnojn.

c) Eduka ministerio devu fondi centran disciplinejon por popolgviduloj. Centro de la vortkonada (batalo kontraŭ senlitereco) movado estas la ĉefurbo Nankino. Diplomitoj de superaj lernejoj povas viziti la disciplinejon kaj akiri ties diplomon post duona jaro.

C. Havigo de lernejĉambroj.

a) La vortkonada lernejo. — Ĉiu lernejo bezonas tri klasĉambrojn por vortkonado. Ĉinujo konsistas el 1915 distriktoj, ĉiu distrikto bezonas 58 lernejojn por vortkonado. En urboj oni povas uzi ĝeneralajn oficejojn kaj ĉiujn lernejojn, en vilaĝoj tetrinkejojn kaj templojn.

b) Oni instigu personojn, disponigi domojn aŭ monon por konstruado de lernejoj. Provincaj registaroj kolektu monon por konstrui simplajn popollernejojn.

Ĉ. Verkado de popola vortaro (vortlibro).

a) La Eduka Ministerio devu verki milvortan libron pri la Tri Principoj*) de la nacio, por ke homoj, kiuj ne konas la vortosignojn, povu legekzerci unu horon ĉiutage, kaj post kvar monatoj kapablu legadi.

b) La milvortara libro estu malkara kaj havebla en ĉiuj librejoj de la diversaj provincoj.

La regna skolkonferenco de la 15-a ĝis 29-a de Majo 1928 en Nankino, gvidita de Tsai-Yuan-pe starigis jenajn celojn de eduko:

1. La junularo estu edukata al naciismo

---

*) La „Triprincipo de la nacio" laŭ Sun-Jat-Sen signifas: naciismo, demokratio kaj ŝtata socialismo.

per konado pri antik-ĉina kulturo. Morala kaj fizika edukoj konservu la forton de l' nacio. Konoj modernsciencaj kaj artemo garantiu la ekprosperon nacian.

2. La junularo estu edukata por demokratio per instruado pri virtoj ŝtatanaj: respekto je la leĝoj kaj lojaleco je registaro. La junularo lernu servi, sin disciplini kaj sin organizadi. Per instruado pri virtoj ŝtatanaj kaj politika edukado ĝi komprenu la konceptojn: libereco kaj egaleco.

3. La junularo estu edukata al ŝtata socialismo per ekzercado je manlaboroj ĉiuspecaj. Per tio ili ekkonu, ke la diversaj sociklasoj estas samvaloraj kaj havas unuecan intereson. Per tia praktika agado samtempe la junularo estu preparata por la vivo ĉiutaga.

La redakt.

---

# Preparado de instruistoj en la nova Hispanujo.

(Dekreto de la 29-an de septembro 1931.)

La unua devo de ĉiu demokratio estas tiu ĉi: solvi plene la problemon de la publika instruado. La Respubliko interesiĝas je tiu ĉi afero de la unua tago kaj, sen atendi la eblecojn kaj la normojn de nova budĝeto kaj novan leĝon, ĝi efektivigis jam tiujn progresojn kaj diktis la fundamentojn.

Ĉar la unuainstruado postulis pli grandan atenton, oni ĝin helpis aŭ favoris en ĉiuj aspektoj. Sed en la unuainstruado la ĉefa faktoro estas la instruanto, tial ĉiu reformo malsukcesus sen geinstruistoj, kiuj ĝin posedus en sia spirito. Urĝis krei lernejojn, sed urĝis pli multe krei geinstruistojn; urĝis doni al la lernejo rimedojn, por ke ĝi plenumu la socialan funkciadon, kiun la socio al ĝi konfidas; sed urĝis pli multe, kapabligi geinstruistojn por ĝi, anstataŭi pastraron de tiu ĉi funkciado; urĝis forigi la hierarĥion el la lernejo, sed urĝis egale, doni al geinstruistoj de la nova demokrata socio la hierarĥion, kiun ĝi meritas kaj meritos.

La lernejo de la respublikana Hispanio, kiun unue ni regas, estos nek pro ĝia faritaĵo nek pro ĝia rango la lernejo el la hieraŭa Hispanio. Ĝi estos ĝardeno kaj laborejo; kunvivo de ĉiuj sociaj klasoj kaj de ĉiuj profesioj kaj ĉiuj kredoj; komenco de elekto, kiu ebligos la alvenon de la intelekto al la supro de la scio kaj de la povo. La instruisto estos la farinto de la nova lernejo. Necesas ke li regu la lernejon per bona formado spirita; aliforminte la abiturientecon en lasta grado de ĝenerala kultureco, oni postulas tiun plenan klerecon por la gestudentoj, kiuj eniros en la „Normalaj Lernejoj" (t. e. seminarioj por geinstruistoj). Necesas solida pedagogia preparado; pro tio oni ŝanĝas la seminariojn en profesiaj institucioj. Fine, oni postulas la akiron de superaj studadoj; tial oni kreas la fakultaton de pedagogio, por ke la instruisto povas eniri en la universitaton.

La Respubliko ne pretendas sole konstrui la lernejajn murojn: ĝi aspiras, doni al la lernejo animon. Per tiu ĉi reformo, kiu estas samtempe sociala, kultura kaj ekonomia, la Respubliko havas la konvinkon, formi, sendependigi, subteni kaj fortigi la animon de la instruanto, por ke li estu la animo de la lernejo.

La respublikana registaro, bazita en tiuj ĉi konsideroj, dekretas la jenon, kiu estas propono de la ministro de publika instruado kaj belartoj.

Paragrafo 1. — La paragrafo de la nunagrada geinstruistaro enhavos tri periodojn: unu de ĝenerala kultureco, alia de profesia formado kaj alia de praktikoj de instruado. La aspirantoj el la instruistaro faros la preparadon korespondan de la unua periodo en la naciaj institutoj de duagrada instruado, la preparadon de la dua periodo en la normalaj lernejoj (seminarioj porgeinstruistaj), kaj tiun de la tria en la naciaj lernejoj de unuagrada instruado.

Par. 2. — La seminarioj estas centroj de instruado, al kiuj oni komisias la profesian formadon de la unuagrada geinstruistaro. Ilin oni organizos per regformo kunedukada kaj havos geviran profesoraron.

Par. 3. — En ĉiu ĉefurbo provinca ekzistos centroj tiuspecaj, kiujn oni nomos „Normala Lernejo" de la unuagrada geinstruistaro. Kaj en Madrid kaj en Barcelona ekzistos du seminarioj. Santiago de Galicia havos ankaŭ unu seminarion.

Par. 4. — La eniron de la geinstruatoj en seminarion oni faros per ekzameno (al limigita nombro de oficoj) inter geaspirantoj. Oni ne allasos homojn kun fizika difekto aŭ infekta malsano, kiuj ilin nekapabligus por la profesia ekzercado. La geaspirantoj devas havi aĝon de dekses jaroj kaj esti plenumintaj la studadojn de la abiturienteco (hodiaŭ ĝi daŭras ses jarojn). La ĝenerala direkcio de unuagrada instruado difinos jare, kiom da gelernantoj akceptos ĉiu seminario (laŭ la bezonoj de la unuagrada instruado).

Par. 5. — La juĝistaro, komisiita elekti la geaspirantojn al eniro en seminarion, estos formita per unu profesoro kaj unu profesorino de seminario, unu profesoro de instituto, unu inspektoro aŭ inspektorino de unuagrada instruado kaj unu unuagrada instruisto. La determino de la juĝistaroj apartenas al la rektoroj de ĉiu universitata distrikto. La prezidadon faros profesoro aŭ profesorino de la seminario, membro de la juĝistaro, kiu posedu la plej altan aĝon.

Par. 6. — La ekzercoj de la ekzameno konsistos el:

a) unu l i t e r a t u r a ekzerco, kiu okazos en ara skriba pruvo, en individuaj demandoj de la juĝistaro pri la diversaj aferoj de la fako, en la laŭtlegado de unu literatura paĝo en hispana lingvo kaj en la tuja traduko el libro franclingva.

b) unu s c i e n c a ekzerco, kiu konsistos en respondado de diversaj demandoj pri la aferoj de la fako, kaj en la solvo de du matematikaj kaj fizikaj problemoj.

c) unu ekzerco de t r a k t a d o pri temo, determinita libere per la juĝistaro; ĝi estu elektita tiel, ke ĝi donu al la geaspirantoj okazon, elmontri siajn talenton kaj taŭgecon por eduka aktiveco. La ĝenerala direkcio de unuagrada instruado publikigos oportune la demandaron por eniro en la seminarion, por konigi kaj unuecigi la karakteron de tiuj ĉi provoj.

Par. 7. — Konvenaj lecionaroj al la profesia formado de la geinstruistaro entenos tiujn ĉi grupojn de studoj:

a) Filozofiaj, pedagogiaj kaj socialaj konoj.

b) Specialaj metodologioj.

c) Artaj kaj praktikaj aferoj.

Tiujn ĉi lecionarojn oni detaltraktos kaj distribuos per tri kursoj, laŭ la sekvanta maniero:

U n u a k u r s o. — Elementoj de filozofio, psikologio, metodologio de la matematikoj, metodologio de la lingvo kaj de la literaturo hispana, metodologio de la naturosciencoj kaj de la agrikulturo, muziko, desegno, manlaboro aŭ -laboroj, nedeviga vastigo de lingvokonoj.

D u a k u r s o. — Fiziologio kaj higieno, pedagogio, metodologio de la geografio, de la historio, de la fiziko kaj de la kemio, muziko, desegno, manlaboro aŭ -laboroj, nedeviga vastigo de lingvoj.

T r i a k u r s o. — Pedologio, pripedagogia historio, skola organizo, ekonomiaj kaj socialaj aferoj, ekzercoj sciencaj, laboroj specialfakaj.

Par. 8. — Ĉe la instruadoj, kiujn tie ĉi oni ordonas, aŭ aranĝante aliajn, kiuj ilin kompletigu, la seminarioj geinstruistaj zorgos direkti bone la personan laboron de la geinstruatoj, por ke ili povu intensigi siajn studojn per konsenta direkto kun ilia speciala aranĝo, kaj tiel oni plilarĝigas la kulturan horizonton de la unuagrada geinstruistaro. Ili estas la ekzercoj sciencaj, kiujn oni enmetas en la trian kurson.

Par. 9. — La seminarioj aranĝos specialajn instruadojn je infanoj antaŭskoldevaj, nenormalaj, alttalentaj, ktp. Ili estas la „laboroj specialfakaj", kiuj estas en la tria kurso. La instruatoj povos elekti la specialfakon, kiun ili opinias konvena. La instruatinoj studados necese hejman ekonomion kaj instruadojn de la hejmo.

Par. 10. — La fizika edukado de la geinstruatoj, la formado en la kono de la belarto, la konsidero de la sociala realo proksima per vizitoj kaj ekskursoj, kaj la utiligo de la edukaj fortoj de la medio faros tiom aliajn celojn de la seminarioj, kiuj penos, atingi ilin per duobla diligenteco.

Par. 11. — Kiel plenigo esenca de la teoria laboro en la klasoj, ĉiuj geinstruatoj faros praktikojn de instruado en la lernejoj aneksitaj al la seminario kaj en la aliaj, ĉu de knaboj, ĉu de knabinoj, aŭ de antaŭskoldevaj, kiujn la profesoraro determinu, interkonsente kun la inspektoro de unuagrada instruado. Ĉi tiujn praktikojn direktos la geprofesoroj de la seminario en siaj respektivaj lecionaroj, kiuj prenos aktivan parton en la lerneja laboro.

Par. 12. — La profesoraro establos en la fino de ĉiu kurso la listojn de la geinstruatoj, kiuj pro sia laborado kaj preparado estu kapablaj, por paŝi al sekvanta kurso aŭ al fina ekzameno. Kiam la geprofesoroj tion opinios necesa, ili aranĝos skribajn provojn por tiuj geinstruatoj, kies kvalifiko estu prezentota al la profesoroj. En tiu ĉi okazo la profesoraro difinos la kvalifikantan tribunalon adekvatan. La neaprobo de tiuj ĉi provoj sekvigas por la geinstruatoj la ripeton de la kurso.

Par. 13. — Kiam la geinstruatoj de seminario finu la trian kurson, estos farata jara ekzameno ara, kiu servos decidi preferan ordon inter ili por la provizora oficodono en la periodo de la prova praktikado.

La tribunalo, komisiita efektivigi tiun ĉi ekzamenon, estos formita per unu profesoro de universitato, kiu prezidos; tri profesoroj aŭ profesorinoj de la seminario kaj unu inspektoro aŭ inspektorino de unuagrada instruado, difinitaj per la rektoro de la koncerna universitata distrikto.

Par. 14. — Por efektivigi la trian periodon en la preparo de la unuagrada instruistaro, kiun ordonas la unua paragrafo, oni donos al la lernantoj-instruistoj tiun ĉi nomon kaj la eniran salajron (dum lerneja kurso kompleta al ŝtataj lernejoj el la provinco), kaj la rajton, elekti laŭ la ordo de ilia definitiva kvalifiko inter la vakantaĵoj, kies listo komuniku la Ĝenerala Direkcio de unuagrada instruado ĝustatempe al la respektiva seminario.

Kiam la necesoj de la instruado tion konsilu, la instruistinojn, formitajn en la novaj seminarioj, el la unuagrada geinstruistaro oni povos destini al la infanaj lernejoj, komence al la unuaj klasoj de la lernejoj por knaboj, se oni ne etendu al ĉiu unuagrada instruado la regformon gean.

Par. 15. — La profesoraro de la seminario kaj la inspektoraro de unuagrada instruado direktos kaj gvidos la laboron de la lernanto-instruisto dum tiu ĉi lerneja kurso, kaj laŭ la rezultatoj la konsilantaro de la seminario proponos al la ministerio la oficdonon de instruist(in)o, aŭ ripetigos dum alia kurso tiun periodon de profesia provo, sed se la aspiranto ne havas porinstruistan taŭgecon, oni konsilas ĝian elpelon por la oficiala instruado.

La geinstruistoj, oficdonitaj definitive per tiu ĉi maniero, ĝuos la salajron je 4000 pesetoj kaj ili okupos en la ordenskriba tabelo de l' geinstruistaro la lastajn lokojn el la kategorio.

Par. 16. — La gelernantoj, kiuj deziras sin dediĉi ekskluzive al la privata instruado, povos fari la korespondajn praktikadojn al la tria periodo de preparado je unuagrada lernejo, akceptita per la seminario kaj la inspektoraro, restante lernanto sub la direktado de tiuj centroj dum dirita periodo je profesia provo. En tiu ĉi okazo la lernanto-

instruisto ne akiros rajton, eniri en la ordenskriban tabelon de la geinstruistaro unuagrada, kiu sole povos atingi pli poste, efektivigante novan periodon je praktikadoj en nacia lernejo dum kompleta kurso.

Par. 17. — La ministerio de publika instruado protektos en la mezuro de siaj eblecoj la organizadon de loĝejoj de gestudentoj kaj senpagajn matrikulojn por geinstruatoj el la seminarioj, speciale por rimarkindaj geinstruatoj kaj kiuj bezonu ĉi tiun ekonomian helpon . . .

Par. 18. — Ĝi nuligas la rajton de la abiturientoj, atingi la titolon de nacia instruisto, per ekzameno en la pedagogiaj aferoj, instruadaj praktikadoj kaj muziko.

Par. 19. — La ministerio zorgos, ke la seminarioj estu instalitaj je adekvataj konstruaĵoj kaj kun la aneksitaĵoj konvenaj, por ke tiuj ĉi centroj estu veraj lokejoj edukaj. La seminario establos intiman kunlaboradon inter la provinca konsilantaro de lerneja protekto, inspektoraro de unuagrada instruado kaj administracia sekcio . . .

La paragrafo 20 traktas pri la kondiĉoj de la direktoro de seminario kaj pri aliaj aferoj malmulte gravaj.

Tiu ĉi dekreto finas per ok aldonitaj paragrafoj, kiuj rilatas al studadoj, kiujn devas efektivigi la geinstruatoj, kiuj antaŭ la dato de dirita dekreto estas enirintaj aŭ nur antaŭ nelonge enregistritaj en seminario, por adapti la novan organizadon de la akiritaj rajtoj.

Subskribas la dekreton la Ministro de Publika Instruado kaj Belartoj, hodiaŭ de Agrikulturo, s-ro Marcelino Domingo, kaj la Prezidanto de la provizora registaro, hodiaŭ Prezidanto de la hispana respubliko s-ro Niceto Alcalá Zamora.

Arturo F. Lorido, instruisto,
Castropol (Oviedo).

*Kolego!*
*Kunlaboru en via fakrevuo!*

# La skolo en Bulgarlando.

De Ivan Valĉanov, V. Tirnovo, Bulgarujo.

Nia, la bulgara, gento havas azian devenon. Dum multe da jarcentoj la bulgaroj loĝis en meza Ruslando ĉe la rivero Volgo kaj en Kaŭkazo. Tie ili kreis siajn fortan regnon kaj originalan kulturon. En la 7-a jarcento post Kristo la bulgaroj transiris la riveron Danubo kaj per helpo de multenombraj slavaj gentoj ili kreis sian novan regnon sur la Balkana duoninsulo (685-a jaro). Tiu ĉi unua bulgara balkana regno daŭris ĝis 1019-a jaro, kiam ĝi falis sub la potenco de Bizanco. Post 167-jara subbizanca sklaveco la bulgaroj milite sin liberigis en la jaro 1186. De tiu ĉi dato ili fondis sian duan regnon, kiu daŭris ĝis 1393-a jaro. En tiu ĉi jaro la bulgaroj falis sub 500-jaran turkan sklavecon. La nuna **tria bulgara balkana regno** datas de 1878-a jaro. Ĝi estas rezulto de la milito inter Ruslando kaj Turkujo. Ni, bulgaroj, nomas tiun ĉi militon — **„liberiga“**, ĉar danke al ĝi ni ricevis nian nacian kaj politikan liberon. La sklaveco sub la sovaĝaj kaj furiozaj turkoj estis tiom peza kaj daŭra, ke nia popolo apenaŭ gardis sian nacian senton. Tial post la liberigo la bulgara popolo devis krei preskaŭ denove sian propran kulturon. Kaj efektive, la bulgaroj kreis sian novan kulturon nur en daŭro de 50 jaroj, danke ekskluzive nur al sia **popolskolo,** precipe — al siaj, tiel nomitaj **„fundamentaj** popolskoloj“.

Laŭ paragrafo 25 de la leĝo pri la popolklerigo la fundamentaj popolskoloj estas sekvaj: **1. infana skolo, 2. unuagrada skolo,** kaj **3. progimnazio.** Iliaj celo kaj tasko estas, meti fundamenton de harmonia individuo, inda, esti utila ano de la socio, kaj doni al infanoj la necesajn konojn por plua ĝenerala kaj speciala klerigo.

### 1. Infanskolo.

La infanskolo servas por disvolvo de la infanoj per ludoj taŭgaj por ilia aĝo,

kantoj, manlaboroj kaj interparoloj. En tiuj lernejoj lernadas infanoj de 5 ĝis 7 jaroj. La infanskolon aranĝas kaj subtenas la komunumoj post permeso de la distriktaj skolkonsilistoj. Por urboj kun pli ol 20 000 loĝantoj aranĝo de infanlernejoj estas deviga. La ministro de la popolklerigo per leĝo kaj per regnaj elspezoj aranĝas infanajn lernejojn tie, kie estas necese.

## 2. Unuagrada skolo.

La lernado en unuagradaj lernejoj estas **deviga kaj senpaga por ĉiuj anoj de la bulgara regno** (§ 78 de la bulgara konstitucio). Tiu ĉi devigo rilatas ĉiujn infanojn, kiuj estas korpe kaj anime normale disvolvitaj kaj havas aĝon de 7 ĝis 14 jaroj. Oni liberigas de la devigo lernadi en unuagradaj lernejoj tiujn infanojn, kiuj ricevas saman klerigon en privataj lernejoj aŭ en siaj domoj (hejme).

## 3. Progimnazioj.

La progimnazio estas supera kurso de la unuagrada skolo. La lernado en ĝi estas **deviga kaj senpaga por ĉiuj infanoj ĝis la 14-a jaro.** Ĝis 1921-a jaro la lernado en progimnazio ne estis deviga, sed dank' al batalo de l' granda **„Bulgara instruista asocio"** ĝi fariĝis deviga. La lernado en la progimnazio daŭras tri jarojn. Ĝi finas la fundamentan klerigon. Progimnazion oni aranĝas en ĉiu loĝloko (vilaĝo aŭ urbo), kie estas plej malmulte 20 infanoj finintaj la unuagradan skolon dum la jaro.

La fundamentaj popolskoloj estas **ĝeneralklerigaj.** En unuagradaj lernejoj unu instruisto instruas ĉiujn instrufakojn, kaj en progimnazio unu instruisto instruas nur grupon de kelkaj instruobjektoj. La instruistoj por unuagrada skolo prepariĝas en specialaj **pedagogiaj lernejoj**, kaj la instruistoj por progimnazioj — en specialaj **instruistaj institutoj.**

**Plano por la semajnaj lecionoj en la unuagrada lernejo kaj la progimnazio.**

| N-ro-vico | Instruobjektoj (fakoj) | unuagrada lernejo | | | | pro-gimnazio | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | I[1] | II | III | IV | I | II | III |
| 1 | Religia lernado | 1[2] | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| 2 | Bulgarlingvo kaj legado de malnovbulgara (eklezi-slava) | 9 | 9 | 7 | 7 | 7 | 6 | 5 |
| 3 | Objektlernado | 3 | 3 | — | — | — | — | — |
| 4 | Franca aŭ germana aŭ angla lingvo | — | — | — | — | — | — | 2 |
| 5 | Kalkulo | 4 | 4 | 4 | 4 | — | — | — |
| 6 | Aritmetiko | — | — | — | — | 3 | 3 | 3 |
| 7 | Praktika geometrio (pri la formoj) | — | — | 1 | 1 | — | — | — |
| 8 | Geometrio, kun geometria desegno | — | — | — | — | 1 | 2 | 2 |
| 9 | Konoj pri la patrolando kun civila lernado | — | — | 4 | 4 | — | — | — |
| 10 | Komuna kaj bulgara historio | — | — | — | — | 2 | 2 | 2 |
| 11 | Komuna kaj bulgara geografio kun civila lernado | — | — | — | — | 2 | 2 | 2 |
| 12 | Naturscio, konoj pri popolmastraĵo, persona higieno | — | — | 3 | 3 | — | — | — |
| 13 | Naturhistorio, fiziko, kemio kaj higieno | — | — | — | — | 3 | 4 | 3 |
| 14 | Desegno kaj manlaboro | 2 | 2 | 3 | 3 | 4 | 4 | 4 |
| 15 | Belskribo | — | — | — | — | 1 | — | — |
| 16 | Kanto | 1 | 1 | 1 | 1 | 2 | 2 | 1 |
| 17 | Gimnastiko | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 1 |
| | sumo | 22 | 22 | 26 | 26 | 28 | 28 | 28 |

[1]) La romaj ciferoj signifas instru-jarojn (klasojn).
[2]) La arabaj ciferoj signifas semajnajn lecionojn.

**Mezgradaj popollernejoj.**

Laŭ paragrafo 112 de la leĝo pri la popolklerigo la celo de la mezgradaj popollernejoj estas **fini la fizikan kaj animan evoluon de la gelernantoj, kaj tiel same doni al ili la necesajn konojn kaj spertojn, komunan kaj civilan edukon, kiuj estas necesaj por memstara agado en la vivo kaj por lernado en supergradaj lernejoj.**

La popolaj lernejoj mezgradaj estas duspecaj: 1. komunklerigaj (gimnazioj), 2. specialaj (seminarioj instruistaj). Ili estas knabaj, knabinaj kaj geknabaj (miksaj).

La popolaj mezgradaj lernejoj estas

**Gimnazioj.**

La gimnazioj celas **plilarĝigi kaj rondigi la donitan en la progimnazioj klerigon kaj prepari la junularon por lernado en superaj lernejoj kaj universitatoj.** Ili estas trispecaj: realgimnazioj, duonklasikaj kaj klasikaj.

Tiuj ĉi estas niaj **komunklerigaj** lernejoj, kiuj havas plej gravan signifon por nia ĝenerala popolkulturo. Ne pli malgrava estas la signifo, tiel same, de niaj mezgradaj **pedagogiaj lernejoj** kaj de duonsuperaj **instruistaj institutoj.** La unuaj preparas geinstruistojn por unuagrada popolskolo. La lernado en tiuj ĉi

**Plano** de la posemajnaj lecionoj en la knabaj kaj miksaj (geknabaj) gimnazioj.

| N-ro-vico | Instrufakoj | realaj | | | | | | duonklasikaj | | | | | | klasikaj | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | Klasoj | | | | | sumo | Klasoj | | | | | sumo | Klasoj | | | | | sumo |
| | | IV | V | VI | VII | VIII | | IV | V | VI | VII | VIII | | IV | V | VI | VII | VIII | |
| 1 | Bulgara lingvo kaj literaturo . | 4 | 4 | 3 | 3 | 4 | 18 | 4 | 3 | 3 | 3 | 4 | 17 | 4 | 3 | 3 | 3 | 4 | 17 |
| 2 | Novaj lingvoj (franca, germana, angla) . . . | 4 | 4 | 3 | 4 | 4 | 19 | 4 | 3 | 3 | 3 | 3 | 16 | 4 | 3 | 3 | 3 | 3 | 16 |
| 3 | Rusa lingvo . . . . . . . . . . . | — | 2 | 2 | — | — | 4 | — | 2 | 2 | — | — | 4 | — | 2 | 2 | — | — | 4 |
| 4 | Latina lingvo . . . . . . . . . . | — | — | — | — | — | — | 5 | 4 | 3 | 4 | 4 | 20 | 5 | 4 | 3 | 4 | 4 | 20 |
| 5 | Greka lingvo . . . . . . . . . . | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | 4 | 3 | 5 | 5 | 17 |
| 6 | Psikologio . . . . . . . . . . . . | — | — | 2 | 2 | 1 | 5 | — | — | 2 | 2 | 1 | 5 | — | — | 2 | 2 | 1 | 5 |
| 7 | Matematiko (algebro, geometrio) . . . . . . | 4 | 4 | 4 | 5 | 4 | 21 | 4 | 3 | 3 | 3 | 3 | 16 | 4 | 2 | 2 | 2 | 2 | 12 |
| 8 | Bulgara kaj komuna historio | 2 | 2 | 2 | 2 | 3 | 11 | 2 | 2 | 2 | 2 | 3 | 11 | 3 | 3 | 3 | 2 | 3 | 14 |
| 9 | Bulgara kaj komuna geografio | — | 2 | 1 | 1 | 2 | 6 | — | 2 | 1 | 1 | 2 | 6 | — | 2 | 1 | 1 | 2 | 6 |
| 10 | Civila lernado kun politika ekonomio . . . . . | — | — | — | — | 1 | 1 | — | — | — | — | 1 | 1 | — | — | — | — | 1 | 1 |
| 11 | Fiziko . . . . . . . . . . . . . . | — | — | 3 | 3 | 3 | 9 | — | — | 2 | 2 | 2 | 6 | — | — | 2 | 2 | 2 | 6 |
| 12 | Kemio . . . . . . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 1 | 1 | 8 | 2 | 2 | 1 | 1 | 1 | 7 | 2 | 1 | 1 | — | — | 4 |
| 13 | Naturhistorio . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 10 | 2 | 2 | 1 | 1 | 1 | 7 | 2 | 1 | 1 | — | — | 4 |
| 14 | Desegno . . . . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | — | 8 | 2 | 2 | 2 | 2 | — | 8 | — | — | — | — | — | — |
| 15 | Kanto . . . . . . . . . . . . . . | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 5 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 5 | 1 | 1 | — | — | — | 2 |
| 16 | Fizika edukado (gimnastiko) . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 10 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 10 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 10 |
| 17 | Manlaboro . . . . . . . . . . . | 2 | — | — | — | — | 2 | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — |
| 18 | Stenografio . . . . . . . . . . | 1 | 1 | — | — | — | 2 | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — | — |
| | sumo | 26 | 28 | 29 | 28 | 28 | 139 | 28 | 28 | 28 | 27 | 28 | 139 | 27 | 28 | 28 | 26 | 29 | 138 |

kvinklasaj. Unu klaso daŭras unu jaron. La ministro de la popolklerigo ellaboras detalan instruplanon pri ĉiu instrufako. La geinstruistoj en mezgradaj popollernejoj devas havi specialan superan klerigon.

lernejoj daŭras kvin jarojn. La unuaj tri jaroj estas komunklerigaj kaj la lastaj du jaroj estas speciale pedagogiaj. La lastaj jaroj estas senpagaj (sentaksaj).

La duaj — la geinstruistaj institutoj — estas duonsuperaj lernejoj kun du-

jara kurso. Ili preparas geinstruistojn por progimnazioj.

Kompreneble, ke en Bulgarlando estas ankoraŭ pli multe da diversspecaj lernejoj. Ekzistas multnombraj fundamentaj kaj mezgradaj profesiaj lernejoj, kiuj preparas metiistojn kaj diversajn specialistojn. En Bulgarlando estas tiel same diversaj superaj lernejoj kaj akademioj: komercaj akademioj, muzikakademio, artakademio kaj du universitatoj en Sofio (unu regna kaj unu „libera" universitato).

En ĉiuj bulgaraj lernejoj, akademioj kaj universitatoj ekzistas granda demokratismo kaj liberemo. Ili estas entute atingeblaj por ĉiuj kapablaj geinfanoj de nia kaj de aliaj nacioj sendepende de tio, al kiu socia popolklaso ili apartenas. En niaj lernejoj lernas unu apud alia, la infano de generalo, de komercisto, de terkulturisto, de ŝafisto, de scienculo, de malscienculo k. a.

---

## Senarmigo kaj eduko.

„La Konferenco pri senarmigo"! Kiom da homoj atendas savon de ĝi — kiom da homoj male dubas pri ĝia kapableco, doni al la homaro la pacon. Kial dubas ili? Ĉar paco povas regi nur, se estas en la homoj pacema spirito. Ĉu estas nun en la homoj pacema spirito?

La homo estas la produkto de sia edukado. La homa estaĵo prezentas „tutecon": sentoj, intuicio, racio, volo, formas ĝian tutaĵon. Se unu flanko de tiu tutaĵo estas tuŝata, tuj ĉiuj aliaj flankoj kunvibras. Pro tio la ĉiutaga vivo — en la familio, en la strato, en la socia medio — havas fortegan influon sur infanoj, kaj postlasas sur ili neforigeblajn signojn.

Kiel la homo estis edukita en sia infanaĝo, tiel li kondutos en sia maturaĝo. Kaj, ĉar ĉio en nia mondo reagas kaj reefikas, la individua vivo influas la socialan vivon, kaj la sociala la individuan. La tradicia lernejo, per siaj kontraŭnaturaj, kontraŭpsikologiaj postuloj, kontribuas al senekvilibrigo de l' individuo, sekve al senekvilibrigo de la socia medio. Ĝi tiel kreas spiriton de malordo, de milito, de senbrida revolucio.

Male, la Aktiva Lernejo, permesante al sanaj estaĵoj konservi kaj kreskigi sian korpan kaj spiritan sanon, realigus, se ĝi estus ĝeneraligita, socian medion, en kiu milito kaj bruta perforto aŭtomate malaperus. Kia devas esti vera Aktiva Lernejo, kia devas esti moderna eduko, konforma al la korpaj kaj psikaj bezonoj de infano, kaj al la sociaj bezonoj de la homaro? La respondoj al tiuj demandoj estas priskribitaj kun tiom da precizeco kaj altspiriteco en „Estonta Eduko"[1]), verko de la mondfama pedagogo kaj sociologo D-ro Ad. Ferrière, ke pri tio ni ne insistos tie ĉi.

Homoj edukitaj laŭ tiaj principoj kaj metodoj sukcesus trovi solvon al la konfliktoj. Ili eĉ evitus konfliktojn, starigante j u s t e c o n por ĉiuj — ne sekan, juran justecon, sed justecon kiu certigus al ĉiu laboranto tion, kio estas necesa por vivi sane kaj por ĝui vivon, justecon konsistantan el amo kaj kiu elvokus amon, laŭ la plej alta senco de tiu ĉi vorto. Tiam ne necesus plu „Konferenco pri senarmigo", ĉar sponte la homoj ne tolerus plu militon, nek armigon.

H. I.

[1]) Ad. Ferrière, Doktoro en sociologio, E s t o n t a E d u k o, Alvoko al gepatroj kaj eduk-estraroj, el „Transformons l'Ecole" tradukis H. Danneil. Eldona Servo de U. E. A., 1, Tour de l'Ile, Genève, 1929, I vol. 72-paĝa, prezo 1.50 sv. fr.

---

## Esperanto kaj paco.

L a I n t e r n a c i a L i g o d e V i r i n o j p o r l a P a c o k a j l a L i b e r e c o ĉiam klopodas fervore por pli da justeco en la mondo. La aktualaj problemoj kaptas ĝian atenton.

La senarmiga konferenco estas la ĉefa prizorgo de la tuta mondo. La franca sekcio de tiu ĉi ligo multe laboras en Francujo por efektivigi „senarmigon“. Ĝiaj estrinoj iniciatis presigi glumarkojn, kiuj rondiros tra la tuta mondo. La markoj estis presitaj en tri lingvoj, germana, angla, franca; sed por doni la plej eblan internaciecon por la propagando, la francaj estrinoj, kiuj estas tre favoraj por Esperanto, presigis ankoraŭ glumarkojn **en Esperanto.**

Tio estas tre grava por Esperanto, ĉar ĉiuj Esperantistoj memoras pri la respondo farita al gesamideanoj niaj dum la somerkurso de tiu ĉi ligo en Löwenberg. Fakte, la ĉeestintoj decidis kontraŭ Esperanto, ĉar ĝi estas artefarita lingvo.

En Francujo oni provas enkonduki Esperanton en tiu ligo, kaj starigi por 1933 internacian somerkurson, kie oni uzos nur Esperanton.

Kuraĝigu tiujn estrinojn aĉetante grandkvante glumarkojn. La bildo estas verkita de la famkonata pentristo franca Paul Colin kaj montras du epokojn. Homo kun bajoneto, sed . . . bandaĝita kapo, aspektante kiel mortanto indikas la nunan staton . . . kun armiloj, sed . . . malantaŭe, konture ekaperas pura vizaĝo, kun olivuja branĉeto . . . estas la estonta stato! la paca regno!! per senarmigo.

Ĉiu glumarko kostas 0.10 fr. fr.

Petu ilin: en Germanujo ĉe s-ino Jakobs, Mathildstr. 9, Flensburg; en ĉiuj aliaj landoj ĉe s-ino Borel, 1 Quai C. Bernard, Lyon, aŭ s-ino Guinaud, rue Blanchard, Ballancourt (Seine et Oise).

---

# Raporto de la angla sekcio de TAGE

**[Kunveno okaze de jarkongreso de l' Nacia Unuiĝo de Instruistoj (anglaj) N. U. T. Folkestone, Paskon 1932 (29. 3.)]**

Kunveno de N. U. T.-anoj, kiuj interesiĝas pri Esperanto, okazis je Pasko, 1932, kiel je 1929, 1930, 1931, ĉe la Jara Konferenco. Anoj de la Folkestone-a Esperanto-Asocio ankaŭ ĉeestis.

La kunvenestro, s-ro J. Smith Clough, diris laŭ sia sperto de la Rotary Movado, la Asocio por Ligo de Nacioj, kaj aliaj institutoj, ke kvankam sin trovis granda idealismo, ili ne estis sufiĉe praktikaj dum tagoj de krizo kiel nuntempaj, kiam la popoloj de la tero estas dividataj kaj suspektemaj unu de la alia. Kiam la transportiloj tiel multe malgrandigis la mondon, estis pli ol iam necese, ke ili sin interrilatu pli apude laŭ ĉiutaga praktiko per uzado de tiel simpla internacia kaj neŭtrala lingvo kiel Esperanto. Devigi la uzon de unu speciala nacia lingvo sur ĉiujn aliajn naciojn, donis maljustan bonŝancon al tiu speciala nacio kaj kaŭzis kontraŭecon. Tiuj, kiuj havis sperton de internaciaj konferencoj, konis la malfacilaĵojn kaj stultan malŝparon de tempo per la tradukado de ĉiu parolado en eĉ du aŭ tri aliajn lingvojn. Komercistoj pruvis, ke oni faris trioblojn da aferoj per la uzo de Esperanto. Ĉe Folkestone, la civitanoj precipe komprenis la bezonon de komuna lingvo, ĉar ili devis nur vojaĝi 29 mejlojn trans la „Channel“ por renkonti popolojn, kun kiuj ili ne povas interparoli. Dramatikaj signoj ne bone sufiĉis. Ili devas havi simplan manieron de parolo, kiun ĉiu devus esti instruata ĉe lernejo, por fari internacian interparolon facila.

Diskuto sekvis pri la rekomendo de D-ro W. Williams, D. Sc., antaŭ ŝtata Regiona Inspektoro de lernejoj. Konsilis li la enkondukon de Esperanto en precipe malgrandajn lernejojn, kiel de larĝa edukada valoro. Li konsideris ke Esperanto havis gravan lernejan uzeblon, ĉar ĝi larĝigis, klarigis, kaj raciigis la infanan penson kaj lingvon, ankaŭ samtempe grandigis homajn rilatojn, kaj antaŭenigis pacon kaj bonvolon. Laŭ sia opinio, ĉiuj el la penadoj de instruistoj, por disvastigi la Ligon de Nacioj — idealojn inter la infanoj de l' mondlernejaro estas finfine senfruktaj sen uzo de praktika ilo, kiel Esperanto, sen komuniko

por komuna interkompreno. Simpla internacia kaj neŭtrala lingvo estas absoluta neceso.

Raportoj estas donataj kiuj montris la manieron laŭ kiu lernejaj infanoj alkroĉis al lernado de Esperanto kiel anasoj al akvo en la lernejoj de Anglujo kie oni donis ĝian instruon. Post mallonga studado de tiu tre facila rekta lingvo, la interŝanĝo de bildkartoj kaj fotografaĵoj kun infanoj tra la tuta mondo provis igilo al allogita studo de geografio kaj multaj aliaj temoj.

Estis la ĝenerala konkludo de la kunveno ke Edukado en humaneco devus antaŭeniri samgrade, — kaj ne malantaŭen resti —, kiel la mirinda progreso materiala, kiu tiel rapide unuigas la mondon geografie. Esperanto provis esti ne nur ordinara racia, sed ankaŭ feliĉa, perilo al tiu celo — akirante mondamikecon.

Esperantistoj de la N. U. T. volas havi liston de ĉiuj N. U. T.-anoj (Esperantistaj instruistoj kaj aliaj) kiuj interesiĝas pri Esperanto, kaj petas ke ĉiu el ili bonvole sendu, per poŝtkarto, notojn de nomo, adreso, kaj loka asocio, al M. Riley, Norwood, Birstwith, Harrogate, Anglujo.

*

P e t o  a l  ĉ i u j  a g e n t o j  d e  T. A. G. E.: Ĉu vi bonvole helpos al ni esperantistoj de la N. U. T. — propagandi Esperanton kaj T. A. G. E. inter la N. U. T.-anaro per jena metodo: — Ĉiu sendu bildkarton kun salutoj (kaj kelkaj vortoj) en Esperanto — se eble en la nomo de via hejmlanda Instruista Unuiĝo — al „N. U. T.-anoj, N. U. T. Jara Konferenco, Pasko 1933, Aberystwyth, Kimrujo, Britujo: per s-r o T. E v a n s, L l a n i l a r S c h o o l, A b e r y s t w y t h.“ (Li transdonus ilin. Pro facileco de forgeso IPR memorigos la agentojn ĝustatempe al la peto.) Verŝajne ĉi tiu metodo helpas pli ol alia, ĉar ĝi donus provon de mondpraktikebleco de Esperanto al N. U. T.-anoj kiuj plejmulte tute ne konas la lingvon Esperanto.

*

**Rezolucio**
**ĉe presata tag-ordo en programo de Jara Konferenco de la Nacia (Angla) Unuiĝo de Instruistoj (N. U. T.): Folkestone, Pasko 1932.**

„Tiu ĉi N. U. T.-Konferenco demandas, ke la Ekzekutiva Komitato de la N. U. T. (Nacia [Angla] Unuiĝo de Instruistoj) konduki elserĉon en, kaj raporti pri, la praktika valoro de Esperanto kiel racia propono kaj laborŝparanta ilo por:

a) kunigi la Naciajn Unuiĝojn de Instruistoj de l' mondo;
b) Ebligi, ke lernejaj infanoj starigi rektajn amikajn rilatojn kun aliaj infanoj tra la tuta mondo;
c) Antaŭenigi la amikecon de l' mondpopoloj per la edukado de bona interkompreno.“

(N o t o : Pro multaj aliaj aferoj, kiuj bezonis tujan atenton de instruistoj je hejmlanda profesia flanko, ne restis sufiĉe da tempo atingi la jenan (kaj amason de aliaj) rezolucion ĉe Programo dum la Konferenco. Sed en diversaj lokoj estos penadoj havigi ĝin ankoraŭ proksimfoje.)

---

## Organizo kaj celo de TAGE.

Pri la organizo de TAGE ni la lastan fojon skribis en n-ro 7/8, 1929 de IPR. Intertempe aliĝis multaj novaj membroj, kaj ni volonte donis okazon al nia fervora amiko Pichon, komuniki en IPR (rig. n-ron 2, 1932!) siajn sugestojn pri la organizo de TAGE kaj tiel komenci diskuton pri afero, kiu ja ne estu diktatore destinata de iu persono, sed ordigata laŭ la deziroj de la membroj.

Pichon ne prezentas sian opinion pro ĝeneralaj konsideroj, sed motivigas ĝin per praktikaj postuloj de la varbado kaj propagando. Li proponas, ke estu enkondukata membreco sen abono al IPR, por ke ni profitu ankaŭ el la simpatio de multaj ne-abonantoj.

Ni unue kompare rigardu la organizformojn ĉe UEA kaj ĉe SAT:

En UEA ekzistas simpla membreco (kostas 5 sv. fr.), membro-abono (12,50 fr.) kaj simpla abono al „Esperanto“ (10 fr.). La kotizo por subtenantoj estas 25 fr. En SAT voĉdonrajtaj membroj (aktivaj membroj) nur estas la membro-abonantoj. La membro-abono kostas 8 gmk., la abono al „Sennaciulo“ sen membreco 7 gmk. kaj la kotizo por aspiranta aŭ subtenanta membroj 2 gmk. Do la diferenco inter la organizformoj de UEA kaj SAT estas, ke aktiva membro de SAT povas esti nur, kiu samtempe abonas la organon de SAT, dum la membreco en UEA ne dependas de la abono al la UEA-organo.

Dum la jaroj 1925—1927 TAGE havis organizformon similan al tiu de UEA: Ekzistis membro-kotizo (1 gmk.), membro-abono (3 gmk.) kaj simpla abono al IPR (2.50 gmk.). Efektive ni neniam havis membrojn sen abono! La spertoj dum la nomitaj tri jaroj devigis nin, rezigni la specialan membro-kotizon. Pri tio ni diris en n-ro 11/12, 1927 de IPR: „Dum 1927 ni havis 500 membro-abonantojn kaj 100 nur-abonantojn. La kotizon por TAGE ni devis uzi — jam 1926 — por IPR. Do 500 membroj pagis po 3 gmk. kaj 100 abonantoj po 2,50 gmk. por IPR. Ni konsideras justa, ke ĉiuj pagu unuecan sumon por IPR. Do ni ne plu postulos specialan TAGE-kotizon.“

Ĉu hodiaŭ estas rekomendinde, denove enkonduki la simplan TAGE-membrecon?

Se ni faras tion, ni havos tri kategoriojn de kunlaborantoj en nia instruista movado (simile kiel ĉe UEA): membrojn, membro-abonantojn kaj nur-abonantojn. Kiu konas la bilancon de IPR, konsentos, ke la abontarifo ne povas esti malaltigata. Do la TAGE-kotizo devus esti pagata aldone al la gazetabono. Tion ni ne povas postuli en la tempo de la ekonomia mondkrizo kaj de la malaltigitaj kaj plimalaltigataj instruistsalajroj. Multaj abonantoj de IPR ne povos pagi tion. Kelkaj eble nur pagos la membro-kotizon kaj estos voĉdonrajtaj, kvankam ili ne plenforte subtenas la ĉefan taskon de TAGE: la eldonon de IPR. Kaj la aliaj, kiuj efektive per sia abono al IPR plenumas tiun ĉefan taskon de TAGE sed eble ne pagis krom tio la specialan membrokotizon, ne estas plenrajtaj membroj de TAGE.

Sed apud la formala baro jam montriĝis principa konsidero kontraŭ la membreco sen abono: Plenrajta membro de iu asocio povas esti nur tiu, kiu akceptas kaj subtenas la ĉefan celon kaj taskon de tiu asocio. Kiel ĉefan taskon de TAGE ni jam deklaris la eldonon de nia IPR.

Ne sufiĉas, ke ni asertu al la kolegaro la uzeblecon de Esperanto por ĉiuj bezonoj. La Esperanto-vortaro por la pedagogia fako ankoraŭ bezonas profundan kaj ampleksan laboron, kiun plenumi devas esti zorgo de IPR. Ne sufiĉas, ke ni proponu al la internaciaj instruistaj asocioj la aplikon de Esperanto dum iliaj kongresoj kaj en iliaj internaciaj bultenoj. Ni mem unue liveru al ili la pruvojn pri la avantaĝoj de Esperanto por internaciaj gazetoj kaj internaciaj kongresoj. Tio postulas de ni intensan okupon kaj daŭran ekzercon en la pedagogia movado kaj laŭ materia kaj laŭ lingva konsidero. Por tio IPR donas la necesan okazon. Ni ne propagandu per deziroj, sed prezentu konvinkajn faktojn:

Per altnivela kaj bonkvalita gazeto ni donu al la varbenda instruistaro pruvon pri la agkapablo, pri la laborvolo, pri la vivforto, pri la celkonscio, pri la praktikataj solidareco kaj idealismo de la tutmonda Esperanto-instruistaro kaj ankaŭ pruvon pri la uzebleco de Esperanto. IPR estu modelo por la internaciaj gazetoj de la internaciaj instruistaj asocioj. Kaj IPR devas esti forta instigilo al tiu celo.

Do la tasko de TAGE ne estas, postuli ion de aliaj, sed kolekti kaj prepari ĉiujn Esperanto-kolegojn por la modela plenumo de tiuj postuloj ĉe ni mem.

„Ni ne havas tempon por legi IPR, sed ni forte deziras aliĝi al TAGE.“ Tiel oni

skribis al k-o Pichon. Per la supraj linioj mi volis montri, ke tiu, kiu ne havas tempon por legi IPR, kiu sekve ne havas la necesan interligon kun nia movado per regula informiĝo el IPR, kiu ne helpas per sia abono al IPR garantii la plenumon de nia ĉefa kaj nefacila tasko de la gazeteldono, kiu ne konscie kunlaboras por perfektigo kaj eduko de ni mem por la preparo de la ĝenerala enkonduko de Esperanto en la instruistaro, tiu ne povas esti nomata membro de TAGE.

Kiu tamen volas esprimi al ni sian simpation por nia movado per malgranda financa subteno sen abono, tiu ankaŭ konforme estu nomata subtenanto. Tiu nomo prezentiĝas ankaŭ en la propono de Pichon. Kaj TAGE danke povas konsenti tiun sugeston, kiu donos al multaj membroj la eblecon, varbi inter la instruistaro aŭ eĉ en aliaj rondoj novajn helpantojn por nia laboro, la subtenantojn.

Ankaŭ la propono Pichon pri la pagenda kotizo ĝenerale estas akceptebla.

La subtenantoj ricevu kvintancon pri sia pago, la n-ron de IPR, kiu enhavas la jarraporton, kaj tabelon pri la nombro de la abonantaro de IPR kaj de la subtenantoj de TAGE fine de la jaro, por kiu la kotizo estas pagita.

Ni ankoraŭ mallonge respondu la demandon: Kiam TAGE povos enkonduki specialan membro-kotizon apud la IPR-abono? Kiam IPR vivos sur la certigita bazo de minimume 1000 abonantoj. Kiam diversaj naciaj sekcioj de TAGE memstare laboros kaj surprenos siajn partojn de la administra gazetlaboro kaj de la propagando en sia instruistaro, liberigante tiel kelkajn personojn por specialaj asociaj laboroj sube menciataj. Kiam TAGE povos eldoni jarlibrojn, membrolistojn kaj pedagogiajn verkojn. Tiam povos ekzisti membro-abonantoj, abonantoj kaj subtenantoj. Sed ne membroj sen abono al IPR, ĉar la eldono de la gazeto restos la unua kaj ĉefa tasko de TAGE

La arda konfeso de Pichon al paco kaj interkomprenemo estas bonvena al ni en tiu tempo de naciistaj partitendencoj. En la programo de TAGE tiu konfeso estas multe pli simpla kaj senflama, sed ĝi volas esti same serioza kaj decida.

La celo de TAGE estas:

1. apliki Esperanton
   a) por la internacia pedagogia scienco,
   b) por informado pri nacia kaj internacia movadoj en instruistaro kaj lernejo.
2. prepari la enkondukon de Esperanto en lernejo kaj instruistaro,
3. krei amikajn interrilatojn de instruistoj kaj infanoj trans ĉiujn limojn,
4. servi al la eduko de la juna generacio kontraŭ la milito, por la mondpaco.

Eble ni ankaŭ povos plenumi la bonan sugeston de Pichon, prezenti al niaj membroj kaj subtenantoj tiun celon de TAGE en la promesa kaj instiga formo de persona deklaracio:

1. Mi volas internacie apliki Esperanton en mia pedagogia fako, ĉu uzante la informojn de IPR, ĉu mem aktive kunlaborante en la organo de TAGE.
2. Mi volas propagandi por la akcepto de Esperanto en la instruistaro kaj ĝia enkonduko en la lernejo.
3. Mi volas flegi amikajn interrilatojn kun miaj kolegoj en diversaj landoj kaj inter miaj kaj alilandaj lernantoj.
4. Mi volas agi en mia klaso:
   Kontraŭ ofendo kaj malestimo de alia popolo —
   Por internacia frateco kaj solidareco!
   Kontraŭ malamo kaj milito inter la popoloj —
   Por internacia interkomprenemo, arbitracio kaj mondpaco!

La diskuton pri ambaŭ artikoloj la legantoj de IPR bonvolu daŭrigi aŭ informi nin pri viaj kritikoj, ŝanĝproponoj aŭ konsento.

Goldberg.

**La venonta numero aperos eke de julio.**

## Famaj kunlaborantoj ĉe la TAGE-konferenco en Paris.

Ĉe la dua punkto de nia tagordo (aperigita en n-ro 2, 1932 de IPR) ni havos du pedagogiajn referatojn de fame konataj samideanoj:

1. „Esperanto kaj la komercaj lernejoj", de André Baudet, prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro.
2. „Aktiva lernejo kaj aktivaj metodoj", de D-ro Ad. Ferrière, vicdirektoro de la Internacia Oficejo de Edukado, vicdirektoro de la Internacia Ligo por Nova Eduko.

Krom tio estos traktataj la aliaj punktoj de la tagordo.

Gekolegoj, vizitu multnombre tiun interesan konferencon en Paris! Detalaj informoj sekvos en la venonta n-ro de IPR. Estus valore por la estraro, se vi bonvolus anonci vian partoprenon plej baldaŭ al M. Goldberg, Im Lumbsch 14, Oetzsch b. Leipzig, Germanujo.

Gekolegoj! Vizitu multnombre la Jugoslavan Kongreson en Slavonski Brod!

Sabaton, la 14-an de Majo: Interkonatiĝa vespero kaj antaŭkonferenco.

Dimanĉon, la 15-an de Majo: Diservo; solena malfermo de la kongreso; fotografado; komuna tagmanĝo; konstituo de Jug. Esp.-Ligo; amuzvespero.

Lundon, la 16-an de Majo: Fakkunvenoj: studentoj; laboristoj; blinduloj; INSTRUISTOJ (aranĝanto: sinjorino Olga Ulrich, instruistino, Slav. Brod). Ferma kunsido.

Gekolegoj! Vizitu nian fakkunsidon multnombre!
Varbu diligente por TAGE kaj IPR!
Fondu Jugoslavan sekcion de TAGE!

Informojn donas: Esperanto-Klubo, Slavonski Brod, Jugoslavujo.

## Premioj por varbado!

**Por ĉiu NOVE VARBITA abonanto de IPR vi ricevos 1/4 de la sendita abonkotizo en la jaro, kiu sekvas al la abonjaro.**

**Ekzemple, se vi varbas 2 NOVAJN abonantojn por 1932 kaj sendis la abonkotizojn kun la koncerna informo al la administranto de IPR, vi havos krediton de ½ dolaro (½ abonkotizo) ĉe IPR por 1933.**

**Kiu varbas kvar NOVAJN abonantojn por 1932, ricevos senpagan jarkolekton 1933 de IPR.**

**Do ni konkuru en intensa varbado!**

**PROPRA PROFITO! — PROGRESIGO DE L' MOVADO!**

### Varbu anoncojn por IPR!

Por viaj klopodoj vi ricevos procentojn! Postulu la tarifon de la administranto!

### *Interesajn artikolojn*

***sendu al la redaktoro. (Eble pri la temo: la instruista kaj lerneja vivo laŭ la vidpunkto de la mondkrizo.)***

## Kiu fuj sendas sian abonon, helpas al plua kresko de IPR!

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.